kapablis klarigi, sed s-ino Orlanda sentis sin pli kaj pli bone en la kompanio de la florhomo. Ĉiuvespere, la duopo kantis kune ĉu teranajn ĉu aliplanedanajn kantojn, kaj iliaj voĉoj intermiksiĝis gaje.

Ili interkonsentis ke, almenaŭ portempe, la ĉeesto de Mirabela sur la tero estu sekreto, por ke la troa scivolo de aliuloj ne ĝenu ĝin. La du filinoj de s-ino Orlanda kutimis viziti ŝin ĉiutage, por alporti manĝaĵojn kaj helpi ŝin pri domlaboroj. Ili ĝojis pri la subita gajeco de sia patrino. Al ili ŝajnis, ke s-ino Orlanda lastatempe parolas kaj kantas sola…

Mirabela pasigis multan tempon en la trankvila ĝardeno de s-ino Orlanda, trinkante lumon kaj babilante kun ŝi pri la similecoj kaj malsimilecoj inter la du planedoj. Al miaj demandoj, Mirabela respondis, ke la florhomoj nutras sin kutime nur per aero, akvo kaj lumo. La radikojn ili uzas precipe por alkroĉiĝi al diversaj aĵoj kiam ili ripozas. Sed ili povas ankaŭ ankriĝi en la grundo kiam la vento blovas. La grundajn sukojn ili bezonas trinki nur kiam ili estas semoj kuŝantaj en la grundo. Tiam ili estas beboj, kiuj ankoraŭ ne bezonas lumon, tamen akvon kaj iom da varmeta aero ili ja bezonas. Kiam ili fariĝas etaj infanoj, ili jam estas ŝosoj, kiuj eklernas trinki pli kaj pli da lumo, ĝis ili kreskas kaj kapablas sendependiĝi de la grundo. Mirabela jam atingis la aĝon kiam la florhomoj havas semojn en sia planedo, sed sur la tero ĝia korpo ne donis semojn, bedaŭrinde.

Iom post iom, Mirabela kreis por si novan veston el bioenergiaj radioj, pli bone adaptitan al la kondiĉoj de la tero. Helpe de s-ino Orlanda, ĝi iom post iom alkutimiĝis eniri ŝian domon kaj toleri la elektran lumon, la telefonon, la komputilon, la polvosuĉilon… Tamen tiu vesto tute ne protektis ĝin kontraŭ poluataj aero kaj akvo, ne helpis ĝin reagi ĝustatempe al la rapideco de la veturiloj… Ĉirkaŭ la izolita dometo de la junulino, kiu troviĝis rande de eta montara vilaĝo, la aero estis ege pura, la matena roso kaj la pluvogutoj ne entenis venenojn. Sed Mirabela devis ankoraŭ multe labori por realigi sian idealan veston, kiu permesu al ĝi moviĝi libere ie ajn sur la tero.

La tempo pasis, kaj s-ino Orlanda sentis sin pli kaj pli laca. Ŝi ekkomprenis, ke ŝia vivo proksimiĝas al la fino. Mirabela konsciis pri tio. Pli kaj pli ofte ili preĝis kune, en silento, fermante la okulojn. Ĉiu el ili preĝis laŭ sia propra kutimo, en sia propra lingvo. Estis mirinde kiom similaj estis iliaj kredoj kaj iliaj preĝoj, ĉar por ili ambaŭ la esenco de la vivo estis amo kaj sincereco.

Ili kune parolis pri la estonteco. S-ino Orlanda opiniis, ke nenio okazas hazarde en la mondo. Tial ŝi tutkore esperis, ke Mirabela sukcesos adaptiĝi tutece al la kondiĉoj de la tero, kaj ĝia korpo fin-fine donos semojn el kiuj novaj florhomoj aperos. Ili ambaŭ revis pri la pliboniĝo de la tuta homa socio danke al la influo de la nemensogemaj kaj amemaj florhomoj, ili revis pri la disvastiĝo de nova terapio kontraŭ doloroj, ili revis pri la starigo de interplanedaj rilatoj riĉigontaj kaj la materiajn kaj la spiritajn vivojn de ambaŭ planedoj…

Unu nokton, s-ino Orlanda transpasis en la transmondon serena kaj ridetanta, sen ajna sufero. Mirabela kisis ŝin ame kaj foriris.

Nun ĝi troviĝis apud mi, petante helpon por adaptiĝi kiel eble pli bone al la kondiĉoj de nia planedo.

Mi hezitis.

Mi ektimis.

Kio okazus se evidentiĝus, ke tiu bela estaĵo estas fakte ruza kaj danĝera? Eble ĝi volas uzi mian helpon, por venigi danĝerajn estaĵojn sur la teron…

„- Se vi ne fidas min, mi foriras. Adiaŭ”- ĝi diris per malgaja voĉo kaj komencis malsupreniri al la valo.

Ĝia malgajeco eniris mian koron dolorige.

„- Atendu!” – mi kriis kaj subite leviĝis. „Atendu ke mi pripensu la aferon…”

Ĝi haltis sur la serpentumanta ŝoseo. Ĝi ŝanceliĝis.

„- Ĉu vi tutkore deziras helpi min?” – ĝi demandis.

„- Mi ankoraŭ ne scias… Jes kaj…. NEEEEEEEEEEEEE!”

Peza kamiono subite surveturis ĝin sur la ŝoseo kaj ellasis densan fumon malantaŭe.

Mi gapis senvorte malsupren. Ĉu mi ĵus vekiĝis el sonĝo?

# Melongeno, „Solanum melongena”

*de Filomena CANZANO (Italio)*

**Etimologio kaj kuriozaĵoj**

Melongeno devenas de la varma zono de la suda Azio, pli precize de Hindio kaj Ĉinio, kie verŝajne ĝi estis kultivata jam dum la prahistoria epoko. Importis ĝin araboj en Nordan Afrikon en la 13-a jarcento kaj poste oni importis ĝin en la Mezan Orienton kaj Eŭropon en la 14-a jarcento. Kelkaj diras ke importis ĝin en Italion la karmelaj patroj, en la 14-a.

Ĝi havas neniun grekan aŭ latinan nomon, sed nomon kiu devenas de la araba „badingian”.

En Italio tiu termino estis uzata kun aldono de „mela”, t.e. „pomo”, (dum la Mezepoko, la prefikso „melo” aŭ „mela” indikis vegetalojn kiuj venis de malproksime kiel „melograno, melacotogna, melangolo” t.e. granatarbo, cidonia pomo, bigarado), do „mela-badingian”, poste „melangiana” kaj pli poste „melanzana”; tiu nomo popole celas pomon ne sanan, ĉar tiu ĉi fruktolegomo ne estas manĝebla kruda. (Melongeno ne kuirita havas malagrablan guston kaj estas iomete toksa, ĉar ĝi enhavas solaninon).

Kurioze, en kelkaj italaj zonoj la nomo „badingian” estis antaŭita de la prefikso „petro”, kaj, pro tio, ĝis la unuaj jaroj de la 19-a jarcento, en kelkaj tekstoj, melongeno estis nomata „petronciano”.

„Eggplant” estis la nomo uzata en la 18-a jarcento en la britaj insuloj, ĉar la kultivataj varioj havis la dimension, la formon kaj iafoje ankaŭ la koloron de anserinaj ovoj. Nun en Britio ĝi havas la araban originan nomon „aubergine” kaj „aubergine” estas ankaŭ la franca nomo, dum en Hispanio estas „berenjena”.

Melongeno ne havis tujan sukceson en nia kuirado. Oni diris ankaŭ ke ĝi kaŭzas psikajn perturbojn kaj intestajn misfartojn kaj kelkaj ankaŭ pensis ke ĝi disvastigas peston. Oni timis la nigriĝon de ĝia blanka pulpo post la tranĉo. Nun oni scias ke la nigriĝo, kiel ankaŭ por pomoj, piroj kaj bananoj, estas pro enzimo aktivigata post tranĉo aŭ kontuzo, kaj ne estas danĝera.

Mencion de la uzo de melongeno ni havis nur en 1550, en teksto pri legomĝardenoj kaj aliaj ĝardenoj de la itala naturisto Soderini.

Iam ĝi estis konservata peklita per aromherboj kaj akraj spicoj. Dum la dua mondmilito, la folioj estis sekigataj per suno kaj uzataj de kampuloj anstataŭ tabako.

Nuntempe melongeno estas uzata por multegaj kaj variaj bongustaj apetitvekaj pladoj, kaj receptoj estas multegaj, facilaj kaj kelkaj malsimplaj.

## Ecoj

La planto de la melongeno havas rektan, rigidan, disbranĉan trunkon, iomete dornan, altan de 30 cm ĝis 1 metron.

La folioj, lobaj, estas brile verdaj pro klorofilo, elemento kiu pliiĝas iom post iom dum ili kreskas, kaj kiu igas ilin malhelaj. La floroj estas malgrandaj, violkoloraj aŭ blankaj; la fruktoj, pulporiĉaj, nigraj aŭ blankaj aŭ rozkoloraj, estas grandaj, ovalaj aŭ oblongaj aŭ rondformaj, manĝeblaj post la kuirado. La ŝelo estas glata, brila aŭ ĝi havas ripojn.

La ĉeesto de pli aŭ malpli da dornoj sur la pedunklo kaj sur la kaliko kaj la ĉeesto de semoj en la pulpo varias laŭ la specio de la melongeno.

**Kultivado**

Melongeno ne estas facile kultivebla. Ĝi bezonas terenon riĉan je sterko kaj bone drenitan. Regula akvumado igas produktadon bona kaj kvalite kaj kvante, alikaze la planto de melongeno produktas fruktojn kiuj ne havas la ĝustan grandecon sed fibran pulpon, kaj krome ili estas maldolĉaj kaj pikaj. La temperaturo estu inter 15-16°C nokte, kaj 22-26°C tage; frosto estas danĝera! Ĝi bezonas plantiĝi profunde (la radikoj estas longaj), kaj je distanco de 40-50 cm unu de la alia.

Bonan kreskon obstaklas insektoj kaj fungoj. Inter la insektoj, la plej danĝeraj estas la blanka muŝo (*Trialeurodes vaporariorum*), la lepidopteroj (*Heliothis armigera* kaj *Spodoptera littoralis*) kaj la afidoj (*Macrosiphum euphorbiae*). Inter la malsanoj pro fungoj, la plej gravaj estas ekz. la griza ŝimo, la gangreno, la malsano pro *Fusarium oxysporum*, *Verticillium albo-atrum* kaj *Verticillium dahliae*).

Oni produktas melongenon en la tuta mondo, pli-malpli. La ĉefa produktanto estas Ĉinio, poste Hindio, Turkio kaj Irano. En Eŭropo, la ĉefaj produktantoj estas Hispanio, Nederlando, Italio kaj Grekio. Melongeno estas, inter la freŝaj legomoj, tiu, kiu havas la plej grandan variecon produktatan kaj komercigatan en la internacia legommerkato, do multnombraj estas la entreprenoj kiuj laboras per kaj por kaj ĉirkaŭ ĝi.

Multegaj estas la varioj, pro formo kaj koloro.
Jen kelkaj:

- Ovala blanka *Clara* [*vd dekstre*]
- Ovala striita viola *Leire*
- Ronda malgranda ĝenova *Minny*
- Longa maldika *Perlina*
- Longa nigra *Nilo*
- Ronda lilakolora *Beatrice*





- Ronda ovala nigra *Fantastic*



- Ronda violkolora *Sabelle*



Inter multaj varioj, pro la enhavo de karoteno, la ruĝa melongeno aspektas kiel kaj estas konfuzata kun tomato, sed ĝi havas la saman spongecan pulpon de aliaj melongenoj, sed ĝi estas iomete pika kaj maldolĉeta, kultivata ĉefe en Afriko kaj Azio. Ĝi estas kuirata kiel la aliaj varioj, sed malsame al aliaj, ĝiaj folioj ankaŭ povas esti uzataj kaj kuirataj kiel spinacoj.

**Kemia konsisto**

Melongeno enhavas 92% da akvo, krome sukerojn, nutrajn fibrojn, proteinojn, grasojn, beta-karotenon; mineralojn kiel kalio, fosforo, fero, kalcio; vitaminojn A, B, C, E.

**Utilo**

Pro la granda kvanto da akvo, melongeno estas puriga por la organismo kaj do estas konsilata kontraŭ podagro, arteriosklerozo, inflamo de urinvojoj. Ĝi estas ankaŭ minerala kaj refortiga pro la enhavo de mineraloj. Studaĵoj de la Biologia Instituto de la Universitato de San-Paŭlo en Brazilo konfirmas ke la maldolĉaj substancoj, ĉeestantaj ankaŭ en la folioj de artiŝokoj, helpas malpliigi la malbonan kolesterolon LDL en la sango.

Melongeno ne enhavas glutenon, sed nutrajn fibrojn, kiel multaj legomoj, kiuj faciligas digeston kaj stimulas produktadon de stomakaj sukoj faciligantaj sorbadon de la nutraj substancoj en la intesto. Tiuj ĉi fibroj kontribuas al plialtigo de satsento, kaj tio, kune kun la ĉeesto de malmultegaj grasoj kaj kalorioj, estas taŭga por homoj kiuj deziras maldikiĝi.

Ĝi enhavas bonan kvanton da fero, kalcio kaj kupro, esencaj por la bonfarto de la ostoj kaj la unuaj du por la kreado de la ruĝaj globuloj.

**Diversaĵoj**

Melongeno povas resti en fridujo dum unu semajno, laŭeble kun sia petiolo. Se duonbrogita en akvo, ĝi povas esti konservata en frostujo tranĉe. Estas bone, antaŭ ol kuiri, kovri ĝin per dikgrajna salo dum kelka tempo por forigi akvon kaj maldolĉaĵon. Ne troigu kondimentojn, ĉefe oleon, ĉar ĝi sorbas ilin.

Melongeno estas legomo plurfaceta kaj do estas kuirata en multaj manieroj, tranĉe aŭ pecete: fritata post panerumado, per vaporo, rostokrade, en premmarmito; uzata por saŭco, konservata en oleo aŭ en vinagro. Ankaŭ ĝia ŝelo estas manĝebla. Necesas kuiri ĝin pro la enhavo de solanino, kiu malpliiĝas per alta temperaturo.

**„Melanzane alla parmigiana"**

Melongenoj „alla parmigiana". La nomo „parmigiana" ne signifas melongenojn laŭ parma maniero, sed ĝi devenas de „Parmiciana", ensemblo de strioj el ligno, surmetitaj, kiuj formas latŝutron kaj similas la aranĝon de la melongentranĉaĵoj kiel „parmigiana" kies hejmlando estas Sicilio, regiono de Italio.

*Ingrediencoj:* 1,5 kg da melongenoj, malgranda cepo, kelkaj folioj de bazilio nedeviga, 150 g da raspita seka fromaĝo, 500 g da ne tro malmola fromaĝo, 1 dl da olivoleo, 100 g da dikgrajna salo, salo laŭ volo, 1 ajlero, 1 kg da freŝaj tomatoj aŭ 1,5 da tomatkribraĵo kaj 2 kuleroj da koncentraĵo de tomatoj, oleo por friti.

En ujon verŝu iomete da olivoleo, aldonu la haketitajn ajleron kaj cepon kaj fritetu ilin dum kelkaj minutoj, ĝis ili iĝas orkoloraj. Aldonu la senŝeligitajn tomatojn en pecoj aŭ la tomatkribraĵon kaj la kulerojn da tomatkoncentraĵo, salu kaj pipru laŭ via volo, kaj boligu ĝis la koncentriĝo de la saŭco. Kiam la saŭco estas preta, aldonu kelkajn foliojn de bazilio.

Lavu la melongenojn, senpintigu kaj tranĉu ilin je 1-centimetra diko laŭ ilia longeco kaj surŝutu ilin per la dikgrajna salo. Post almenaŭ unu horo, gargaru kaj sekigu la tranĉitajn melongenojn.

En larĝa pato fritu ilin per abunda olivoleo aŭ semoleo, ambaŭflanke, certe ne ĉiujn kune!

Kribru ilin sur sorbopapero kaj surmetu alian sorbopaperon kaj premetu por ke la oleo foriru.

Ŝmiru fajrorezistan poton, surŝutu la fundon per iomete da saŭco, aldonu tavolon da melongentranĉaĵoj, tavolon da raspita seka fromaĝo, tavolon da pecetoj aŭ tranĉaĵoj da fromaĝo, kaj ankoraŭ saŭcon, tavolon da melongentranĉaĵoj, ripetu ĝis la elĉerpo de la ingrediencoj. Kovru fine per la restinta saŭco kaj raspita fromaĝo.

Baku dum ĉirkaŭ 40 minutoj je 180°C. Lasu la poton en la forno ĝis ĝi iĝas malvarmeta... kaj „bonan apetiton!"

Eblas konservi la „parmigiana"-n en fridujo dum 1-2 tagoj, kovritan. Eblas ankaŭ frostigi ĝin, pli bone jam en porcioj.

*Kuriozaĵo:* Ŝajnas ke la „parmigiana" devenas de la araba kaj greka regado, efektive tiu ĉi sicilia plado memorigas la grekan „Moussaka" kaj la araban „Tiani".

*Bizaraĵo*: en kelkaj vilaĝoj de Sicilio, al la „parmigiana" oni aldonas ankaŭ ĉokoladon.

**„Melanzane alla parmigiana" kradrostitaj**



La plado estas pli malpeza ol la alia, sed tamen same bongusta. Preparu kiel la antaŭan recepton, sed metu kradrostitajn anstataŭ frititaj melongentranĉaĵoj. Oni povas manĝi ĝin varma aŭ ĉe temperaturo de la medio. Bv atendi 10 minutojn por kompaktigi kaj pli facile tranĉi ĝin.

## Melongenrulaĵoj farĉitaj

*Ingrediencoj*: 2 melongenoj, 400 g da tomatoj, 150 g da raspita pano, 120 g da fromaĝo nek mola nek tro malmola, 80 g da sekigitaj tomatoj, 3 ovoj, 1 citrono, 1 ajlero, 1 kulero da sukero, iom da olivoleo, folioj de mento kaj salo laŭ via volo.



Lavu kaj tranĉu la melongenojn laŭ la longeco, je ĉirkaŭ ½ cm dike kaj surŝutu ilin per dikgrajna salo. Post unu horo, gargaru kaj sekigu per taŭga papero la tranĉitajn melongenojn, peniku ilin per oleo kaj baku ilin sur rostokrado en forno aŭ sur tradicia krado.

En kontraŭadhera ujo, rostu la raspitan panon ĝis ĝi iĝas orkolora, aldonu 3 kulerojn da oleo, 100 g da fromaĝo, la sekigitajn tomatojn dispecigitajn, la raspitan ŝelon de duoncitrono, la ovojn, la foliojn de mento. Miksu kaj kirlu la ingrediencojn por havi homogenaĵon, per kiu pretigu ovalajn bulojn grandajn kiel juglando, kiujn vi metu sur la melongentranĉaĵojn.



Fritetu la ajleron per 4 kuleroj da oleo, ĝis ĝi iĝas orkolora, aldonu la tomatojn kirlitajn, la sukeron (ne deviga) kaj la salon.

Kuiru la saŭcon dum 15 minutoj, aldonu la melongenrulaĵojn kaj kuiru ankoraŭ dum 20 minutoj. Pulvorŝutu per la restanta fromaĝo en pecetoj kaj baku en forno je 200°C dum 15 minutoj.

**Pasta alla Norma** (t.e. Pastaĵo je „la Norma”)

Kial tiu ĉi nomo? Ŝajnas ke katania (sicilia italo) fama komedi-verkisto Nino MARTOGLIO (1870-1921), frandante tiun ĉi pastaĵ-pladon, por klarigi ĝian grandan bongustecon ekkriis: „Chista è na vera Norma”, t.e. „tiu ĉi estas vera Norma” rilate al la fama teatra opero „La Norma” de Vincenzo BELLINI, ludita en la teatro La Scala de Milano, en la jaro 1831. Stranga koincido: la unua interpretistino de Norma nomiĝis Giuditta PASTA (t.e. Pastaĵo)

Alia versio de la origino de la nomo resendas al Norma, juna katania instruistino kiu estis komparata kun tiu ĉi plado, pro beleco kaj gusto.

Certe la „Pasta alla Norma” estas plado unika kaj neforiranta pro gustoharmoniigo.

Kiel multaj el la plej bonaj receptoj, ĝi estis variigita: anstataŭ la mallongan paston kelkaj uzas la longan, anstataŭ sala selaktaĵo kelkaj uzas mocarelon aŭ alian fromaĝon, anstataŭ frititaj, rostitajn melongenojn ktp.

Elektu vi mem kiel pretigi tiun ĉi pladon, plenumante la suban recepton aŭ ŝanĝante kelkajn ingrediencojn, kaj bonan apetiton!

## *Pasta alla Norma laŭ la tradicia maniero*

*Ingrediencoj*: 350 g da pastaĵo el malmola tritiko, 400 g da melongenoj, 500 g da tomatoj, 100 g da sala selaktaĵo, 2 ajleroj, folioj de bazilio, kiom sufiĉas da olivoleo kaj da semoleo por friti, salo kaj pipro.



Tranĉu la melongenojn 2-3 mm dikaj. Surmetu dikan salon kaj lasu ilin ripozi dum 1 horo, por ke foriru ilia maldolĉa akvo.

En alta fritilo, per abunda arakidoleo aŭ alia semoleo aŭ

pli bone olivoleo, fritu la tranĉaĵojn de melongenoj, malmultajn ĉiufoje, turnante ilin je duonkuirado. Lasu deguti per borita ĉerpilo kaj metu ilin sur sorbopapero.

Dum la salo laboras kaj la akvo foriras de la melongenoj, metu dum kelkaj momentoj la tomatojn en bolantan akvon; lasu ilin guti kaj malvarmigu ilin per flua akvo; senŝeligu kaj tranĉu pecete ilin. En pato iom rostu la ajlerojn, haketitajn, per 4-5 kuleroj da olivoleo. Aldonu la tomatojn, la foliojn de bazilio pece, la salon kaj la pipron laŭ via volo, kaj kuiru dum 10-15 minutoj.

Kuiru la pastaĵon en sala akvo, senakvigu kaj metu ĝin en supujon, kien vi jam metis 1 supĉerpilon da saŭco, miksu kaj disdonu (metu) ĝin sur telerojn; aldonu supre plian saŭcon, la frititajn melongenojn, kaj la salan selaktaĵon raspitan per raspilo tra grandaj truoj aŭ tranĉitan pecete.



Oni konsilas manĝi „la pasta alla Norma”-n tuj (tuj kiam preta). Vi povas konservi ĝin en fridujo, en ujo hermetike fermita, maksimume 2 tagojn. Ne frostigu!

Freŝaj tomatoj aŭ en skatolo? Certe, se vi povas, uzu ilin freŝaj; se ne eblas, elektu tiujn en ladskatolo!

### *Pasta alla Norma laŭ originala maniero*

*Ingrediencoj*: 320 g da pastaĵo el malmola tritiko, 2 oblongaj melongenoj, 2 ovalaj melongenoj, 500 g da tomatoj, 150 g da sala selaktaĵo, 1 ajlero, iomete da bazilio, kiom sufiĉas da olivoleo kaj da arakidoleo, salo kaj pipro.

Metu dum kelkaj momentoj la tomatojn en bolantan akvon; lasu ilin guti kaj malvarmigu ilin per flua akvo; senŝeligu kaj tranĉu ilin en

pecetojn. En pato rostetu la ajleron, haketitan, per 4-5 kuleroj da olivoleo. Aldonu la tomatojn, la salon kaj la pipron laŭ via volo, kaj kuiru dum 10 minutoj. Lavu kaj tranĉu la oblongajn melongenojn laŭ la longeco, tranĉu la pulpon damtabule (t.e. en kvadratojn, horizontale kaj vertikale) kaj baku en varma forno je 200°C dum 30-35 minutoj.



Lavu kaj tranĉu je 3-4 mm, laŭ la larĝo, la ovalajn melongenojn. En alta fritilo, per abunda arakidoleo aŭ alia semoleo aŭ pli bone olivoleo, fritu la tranĉaĵojn de melongenoj, malmultajn ĉiufoje, turnante ilin je duonkuirado. Lasu deguti per tru-ĉerpilo kaj metu ilin sur sorbopaperon. Per kulero, elfosu la pulpon de la bakitaj melongenoj (ne forĵetu ĝin, pulpon vi povos uzi por aliaj receptoj!).

Kuiru iom malmola la pastaĵon en sala akvo, senakvigu kaj metu ĝin en la poton kun la saŭco, kunigu la frititajn melongenojn, flamigu la fajron dum kelkaj momentoj, miksu. Plenigu la bakitajn oblongajn

melongenojn sen pulpo per la miksaĵo de pastaĵo kaj frititaj melongenoj, aldonu supre la salan selaktaĵon pecete kaj la foliojn de bazilio.

**Melongenaj ŝipetoj**

Necesas melongenoj longaj kaj malgrandaj. Tranĉu ilin duone laŭ la longo. Elprenu la pulpon el la melongenoj sen tuŝi la ŝelon kaj metu ĝin en ujon, tegu ĝin per tomata saŭco, kuirita (aŭ mi preferas ne kuiritan), kun olivoleo kaj salo. Baku. Kiam ili estas kuiritaj, surmetu pecon da fromaĝo „mocarelo" aŭ alian freŝan fromaĝon. Baku ankoraŭ ĝis la fromaĝo iĝas iomete orkolora.

Ĉu vi ne havas multan tempon? Jen du tre simplaj bongustaj pladoj:
1. Tranĉu melongenojn en striojn kaj rostu ilin, kondimentu per olivoleo, salo kaj ajlero.
2. Tranĉu pecete, kuiru kun oleo, salo kaj ajlero.

*(La fotojn ni prenis el interreto)*

# 4 receptoj de Julia SIGMOND

## FLAVA KAZEO



INGREDIENCOJ
0,5 l lakto
5 ovoj
2 kuleroj da sukero
pinĉpreno da salo
sekvinbero (laŭdezire)

PREPARADO
En plata kaserolo ni miksu la lakton, la sukeron kaj la salon. Je malgranda fajro ni kirlu ĝis ĝi ekbolas. La 5 ovojn bone batitajn ni enmiksu tre malrapide, singardeme. Ni kirlu la likvaĵon, ĝis ĝi iĝas kazeosimila. Poste ni

verŝu ĝin aŭ tra iun kribrilon, aŭ tra iun gazon, por ke la superflua likvaĵo povu forgluti. La senlikvan kazeon ni metu por kelkaj horoj en la fridujon. Poste la bongusta flava kazeo estas distranĉebla, kiel fromaĝo.

## NUDELO, GORGONZOLA, FUNGO

INGREDIENCOJ
250 gr ŝampinjonoj
250 gr nudeloj
50 gr butero
200 gr dolĉa gorgonzola (aŭ io simila)
1,5 dl laktokremo
iom da pipro muelita
50 gr raspita parmezano (fromaĝo)

PREPARADO
En fritilo metu iom da oleo kaj la ŝampinjonojn fritetu. En la buteron fandiĝintan metu la gorgonzolon erigita kaj aldonu la laktokremon. Ĝi iĝos kiel kremo.
Aldonu la pipron muelitan, la fungojn kaj la duonon de la raspita fromaĝo. La nudelojn boligitajn enmiksu en la bongustan saŭcon kaj surmetu la alian duonon de la raspita fromaĝo.
Surtabligu ĝin ankoraŭ varmega!

## PARMEZANAĴO EL MELONGENOJ

INGREDIENCOJ
4 melongenoj
500 gr tomat-kribraĵo
1 ovo
1 bulbero de ajlo
1 tufeto el freŝa baziliko

50 gr parmezano (parma fromaĝo)
250 gr fromaĝo fumaĵita („mozzarella affumicata)

PREPARADO
Tranĉu la melongenojn en sufiĉe maldikajn eltranĉaĵojn kaj aranĝu ilin en fajrorezista kaserolo. Dissemu super ili unu pinĉoprenon da dika salo. Metu ilin en la fornon je malalta temperaturo por 10 minutoj, por ke ili perdu la troan akvon. Fritu ilin en abunda olivoleo kaj demetu sur folion el sorba papero.
*Saŭco*: Fritetu la bulberon de ajlo en olivoleo, sur ĝin surverŝu la tomatkribraĵon. Salumu kaj koncentru la saŭcon. Aldonu la bazilikon. Tranĉu la fromaĝon je maldikaj tavoletoj, kirlu la ovon, preparu la parmezanaĵon.
En la fajrorezistan kaserolon demetu tavolon el la tomatosaŭco, sur tiun demetu tavolon el melongenoj, sur tiun demetu tavolon el fumaĵita fromaĝo, penikŝirmu per la kirlita ovo.
Ripetu la 4 operaciojn ĝis elĉerpiĝo de la ingrediencoj (la lasta tavolo estu melongenoj plus saŭco.) Sur la tuton dissemu la skrapitan parmezanon kaj la restintan bazilikon erigitan.
Metu en fornon, je 180°C dum 20 minutoj.

## VANILA KORNETO

INGREDIENCOJ
330 gr faruno
250 gr margarino aŭ butero
130 gr muelita juglando
100 gr vanila sukerpulvoro
pinĉpreno da salo

PREPARADO
Miksu la farunon kaj la margarinon. Aldonu la juglandon muelitan, la pulvorosukeron kaj la salon. Knedu ilin bone. Formu stangetojn kaj

faru kornetojn malgrandajn, kiel etfingro. Ĉe malgranda fajro baku atente nur kelkajn minutojn, ke la koloro restu blanka.
Tuj rulu la kornetojn en sukerpulvoron, sed nur post malvarmiĝo konsumu ilin!

## Roskilde Festivalo en Danio (24.06-2.07.2017)



Mi skribas al vi, ĉar membroj de TEVA povas esti interesataj en partopreno en sufiĉe alloga agado, kiun ni organizas ĉi-somere.
Temas pri festivala teamo de helpantoj, kiuj kontraŭ volontula laboro en ricevas senpagan enirbileton al tiu grandioza aranĝo.
La kerno de nia bazejo estas vegana kuirejo, kiun ni ĉiutage kunkreas por manĝigi niajn laborantojn.
Ĉi-jare, la plejmulto de ili estos esperantistoj. Pro tio ni pensas, ke anoj de TEVA povus aparte bonfarti.
Jen la ligilo al informoj pri nia agado: *roskildefestivalo.dk*.
Priskribo de nia vegana kuirado: *roskildefestivalo.wordpress.com /vegan*.
Ĉiuj informoj necesaj por aliĝi troviĝas en la menciita retpaĝo.

Kun amikaj salutoj,

*Mariusz HEBDZYŃSKI*
*Nome de Roskilde Esperanto-Teamo*

# Ĉiao: Eksterordinara grajno/kerno por la sano (I.)




Ĉiao estas manĝebla grajno, kiu estas la frukto de dezerta planto, nome *Salvia hispanica*. Ĝi estas indiĝena en Meksiko kaj en Sudorienta Ameriko. Jam eĉ la aztekoj uzis ĝin. Nuntempe ĉe la amerikanoj ĝi estas tre populara, kvankam komence oni uzis ĝin kiel besto-nutraĵon. Sed multaj esploroj montris, ke ĝiaj tre fortaj sanigaj efikoj validas ankaŭ por homoj.

*Ĝiaj karakterizaj trajtoj*

Karakterizaj trajtoj de la grajno ĉiao estas ĉefe la proporcio de alta omega-3 gras-acida enhavo kaj ekvilibra/ kompensa omega-3, omega-6 gras-acido.

La verkisto de „Superfoods for Dummies” skribas, ke ĝia avela gusto bone taŭgas por diversaj manĝaĵoj. Aldone ĝi povas ensorbi multe da akvo. Pro tio ĝi tre rapide plenigas la stomakon, tiel ke la ensorbiĝo de sakarido malrapidiĝas kaj tiamaniere ni manĝemos pli malfrue. Aldone, tiu ĉi eco igas la grajnon redukti pirozon kaj ĝi trankviligas ankaŭ la plenigitajn intestojn.



*La efikoj de la grajno ĉiao*

1. Kontraŭinflama: La multaj ne-saturitaj gras-acidoj reduktas la inflamon. La esploristoj asertas, ke la grajno ĉiao estas la plej bona planta fonto de la omega-e gras-acido.

2. Kontraŭ tro alta sangosukera nivelo: La grajno ĉiao estas respondeca pri la rego de sangosukera nivelo, tiel ĝi malhelpas la estiĝon de diabeto laŭ la deklaro de la instituto Science Research. La scienca artikolo mencias en la jaro 2007, ke la grajno ĉiao havas eksterordinare malaltan sangosukeran indekson, ĝuste pro tio ĝi malrapide altigas la sangosuker-nivelon, kiu do regas la nivelon.

3. Korekto de la digesto: La grajno ĉiao enhavas ĉ. 28 procentojn da fibroj, tial ĝi povas plibonigi la digeston grandmezure. La grajno enhavas ankaŭ digesteblajn kaj nedigesteblajn fibrojn, tiel ĝi malrapide digestiĝas, tio tenas malalta la provizon de insulino.

4. Ĝi defendas la koron kaj vaskularon. La grajno ĉiao malpliigas grandnombrajn riskajn faktorojn, kiuj povus konduki al kormalsano.

5. La grajno ĉiao estas bonega fonto de nutro-materialo: Ĝi enhavas multegajn vivnecesajn gras-acidojn, mineralajn materialojn kaj vitaminojn.

6. Ĝi altigas la energion: La grajno ĉiao donas energion kaj vivoforton.

7. Rego de la homa pezo: Klinikaj ekzamenoj pruvas, ke la grajno ĉiao povas esti efika aldono ankaŭ por maldikiga terapio. Ĝi reduktas la malsat-senton kaj postan deziron pri manĝaĵo. La grajno miksita kun fruktosuko ĝis la tagmezo garantias elanon, impeton.

8. Ĝi helpas la dormon. La grajno ĉiao enhavas triptofanon, kiu estas aminoacido kaj respondecas por la profunda dormado.

9. Ĝi reduktas la nivelon de la kolesterolo.

10. Helpe de la grajno oni povas preventi la estiĝon de kanceraj malsanoj. Ĝi estas forta antioksidanto, tial ĝi neniigas la malutilajn liberajn radikojn, krome ĝi havas proteinaz-inhibantojn, kiuj ankaŭ helpas neniigi la kancerajn ĉelojn.

*(Fino de la unua parto)*

*Fonto: http://chia-mag.hu. Esperantigis: Georgo Flender*
*flender.gyorgy@gmail.com; www.georgo.mlap.hu*

# Mallongaj informoj pri pagoj al TEVA:

*Kiom?*

La kutima kotizo estas 20 eŭroj, sed homoj kiuj ne povas tion pagi, povas pagi 15, 10 aŭ 5 eŭrojn. Homoj kiuj tute ne povas pagi, sciigu tion, aŭ ne plu estos konsiderataj membroj. Dumviva membreco estas rekomendata kaj kostas 500 eŭrojn.

*Kiam?*

Plej facilas pagi fine de la jaro por la venonta kalendara jaro. Sed plej malfrue pagu en februaro de la koncerna jaro.

*Kiel?*

Oni povas pagi al la konto de TEVA ĉe UEA: teva-h. Klarigoj pri tio kiel pagi al UEA aperas en *http://uea.org/alighoj/pag_manieroj.html* kaj en la Jarlibro. Kelkaj Landaj Reprezentantoj havas propran konton. Vi povas informiĝi pri ĝi ĉe via Landa Reprezentanto aŭ la Sekretario. Eblas sendi TEVA-kotizon ankaŭ per PayPal, informojn petu de nia Sekretario. Kiel ajn oni pagas, oni informu pri la pago kaj membriĝo al la Landa Reprezentanto kaj al la TEVA-Sekretario, sciigante siajn nomon kaj adreson.



*Floranta prunelarbo (foto de Heidi Goes) (vd p. 11)*

## ESTRARO DE TEVA – 2017

| | | |
|---|---|---|
| **PREZIDANTO** | S-ano Christopher FETTES, bloomfettes@eircom.net | |
| | Bloomville House, Geashill, Co. Offaly | Irlando |
| **VICPREZIDANTOJ** | S-ano Francesco MAURELLI, fran.mau@gmail.com | Germanio |
| | S-ano József NÉMETH, jozefo.nemeth@gmail.com | |
| | HU-8531 - IHÁSZ - Fő u. 41/5 | Hungario |
| **ĜENERALA SEKRETARIO kaj KASISTO** | S-anino Paola GIOMMONI | Italio |
| | (*vidu malsupre ĉe la sekretariejo*) | |

## LANDAJ REPREZENTANTOJ

| | | |
|---|---|---|
| **BELGIO** | S-anino Heidi GOES Assebroeklaan 2, BE-8310 BRUGGE heidi.goes@gmail.com | België – Belgique |
| **BRAZILO** | S-ano Ivan Eidt COLLING, Cx. P. 1701, Ag. Mal. Deodoro, BR-80011-970, Curitiba, PR. iecolling@yahoo.com.br | Brasil |
| **ĈINIO** | S-ano Liang Ziming, Direktoro de Haiming-Instituto, No.902 in building A4, fenghuang-ling-lu CN-530000 Nanning, Guangxi, 470201831@qq.com | 中华人民共和国 |
| **DANIO** | S-ano Ejnar R. HJORTH, Christiansgade 38, 2, DK-9000 AALBORG ejnarhjorth@mac.com | Danmark |
| **FRANCIO** | S-ano Thomas LARGER, 2 rue du verger, FR-56 460 LIZIO, thomas.larger@orange.fr | France |
| **GERMANIO** | S-ano Hans-Peter BARTOS, Schillerstr. 9, DE-06114 HALLE nachrichten@bartos.info | Deutschland |
| **HUNGARIO** | S-ano József NÉMETH (*vidu supre*) | Magyarország |
| **IRLANDO** | S-ano Christopher FETTES (*vidu supre*) | Eire - Ireland |
| **ISRAELO** | S-anino Luiza CAROL, POBox 1083, IL-2910902 KIRIAT-YAM luizac@012.net.il | Israel |
| **ITALIO** | S-anino Lilia FABRETTO, Via Pietro Cartoni, 12/12, IT-00152 ROMA centro.p@virgilio.it | Italia |
| **JAPANIO** | S-ano SAITO Yoshinori, Iizuka 2-2-10-507, Kawaguchi - - SAITAMA, 332-0023 JP. vendredo@nifty.com | Nippon |
| **KAMERUNO** | S-anino Chamberline NGUEFACK ZEDONG, chamberline47@gmail.com | Republique du Cameroun |
| **NEDERLANDO** | S-ano Rob MOERBEEK, Zwaansmeerstraat 48, NL - 1946 AE BEVERWIJK moerbeekr@gmail.com | Nederland |
| **POLLANDO** | Krzysztof ŚLIWIŃSKI, ul. Dunikowskiego 27/9, PL 20-425 Lublin, oriento@wp.pl | Polska |
| **RUMANIO** | S-anino Júlia SIGMOND, Str. Vlahuţă 7/6, RO-400310 CLUJ-NAPOCA jjjusi@gmail.com | România |
| **SLOVAKIO** | S-ano Stano MARČEK, Zvolenská 15/21, SK-036 01 MARTIN stano.marcek@gmail.com | Slovensko |
| **SVEDIO** | S-ano Jarl HAMMARBERG, Illergatan 1 SE-42671 VÄSTRA FRÖLUNDA jarlo@tele2.se | Sverige |
| **SVISLANDO** | S-anino Elisabeth EISENEGGER, Saumackerstrasse 59, CH-8032 ZÜRICH eeisenegger@bluewin.ch | Helvetia |

Ĝenerala Sekretariejo de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA)
ĉe: **Paola GIOMMONI, Via Ugo Foscolo 22 IT-52100 AREZZO, Italio.**
**Telefono: +39 0575 900840**. **E-poŝto: giommpax@alice.it aŭ teva@ivu.org**
Nia retejo: www.vegetarismo.info.